# La Bulteneto

Numero 19 ❀ René de Saussure - Jaro 2018

ISBN 978 3 903247 19 2



# KEITH HARING
# LA ALFABETO



Ekspozicio en Albertina ĝis la 24a de junio 2018



# La Bulteneto

Numero 19 • Jaro 2018.
Eldonistoj: Renate kaj Walter Klag.

Redaktejo - eldonejo - presejo:
Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio.
La cifereca versio estas senkosta.
Informoj pri la tarifoj de la presita versio kaj anoncoj:
esperanto@chello.at.

Papero: Mondi Color Copy 120 g $m^{-2}$.
Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono

Skriboj:
Calibri (teksto),
Times New Roman (klarigo de la bildoj).

La paperan version ricevas donace:
Aŭstria Nacia Biblioteko, Vieno, Aŭstrio;
CDELI, La Chaux-de-Fonds, Svisio;
Germana Esperanto-Biblioteko, Aalen, Germanio;
Biblioteko Hector Hodler de UEA, Roterdamo, Nederlando;
Interkultura Centro Herzberg, Germanio;
Esperanto-Biblioteko "Ramon Molera Pedrals", Barcelona, Hispanio;
Biblioteko de Esperanto-Societo Kebekia, Montrealo, Kanado;
aliaj bibliotekoj post peto.



Bildoj:
Paĝoj 3, 7 Haring Foundation
Paĝoj 1, 6, 12, 13, 16, 18 Walter Klag





Keith Haring fotita de Gottfried Helnwein 1989
Kopirajto Gottfried Helnwein

K. Haring JUNE 4 – 1983 MATRIX⊕

Unu el la maloftaj subskriboj de Keith Haring

## Haring dum agado

Li vagadis tra la haltejoj de la Novjorkaj metrohaltejoj. En la poŝo li portis blankan kreton. Subite li malkovris nigran tabulon. Tuj li desegnis siluetajn figurojn. „Oni ne devas esti fakulo por arto, por kompreni miajn verkojn“, diris Keith Haring. En malnova videofilmo oni vidas, kiel li saltas el metrotrajno, desegnas kelkajn viretojn sur tabulo; preterpasantoj haltas, Haring arestiĝas: Svelta, fortmuskola junulo kun intelektulaj okulvitroj. Li ne defendas sin, li ne rikanas provoke, li simple akceptas tion.
Lia devizo estis: Arto ne estu afero de atelieroj kaj muzeoj, sed arto estiĝu per malmultaj rimedoj en lokoj, kie ĉiuj preterpasas. Liaj bildoj baldaŭ populariĝis, kaj homoj post-marŝis Haring por observi lin dum lia desegnado. Liajn desegnaĵojn liaj fanoj eltondis aŭ ŝiris for de la vando, ofte kun la kadro.

## Lia stilo

Li ne verkis sur pentrista tolo, sed sur pakpapero, plasta ŝirmtolo, lignaj tabuloj aŭ portempe ne-lu-donitaj reklam-paneloj en la publika spaco. En stratarta maniero li desegnis per dikaj, nigraj strekoj kaj aldonis kelkajn malmultajn primarajn farbojn aŭ foje li gravuris la desegnaĵojn en la fonon kaj plenigis la gravurliniojn per fluoreskaj farboj.

## Bildsimboloj

Por la publika spaco, elirante de la egiptaj hieroglifoj, li evoluigis aron da signoj, kiujn li mem nomis „alfabeto” kaj kiuj ankaŭ funkcias tiel. Por d-ro Dieter Buchhart, kuratoro de la Haring-ekspozicio, la simboloj de Haring estas la bazo por la hodiaŭaj emoĝioj. Krome, por Haring, la desegnado estas ne nur kreado de signoj, sed ankaŭ gestoriĉa surscenigo de tiu kreado.
Siluetaj viretoj, rampantaj beboj, nifoj, robotoj, aviadiloj, televidiloj, krucoj, bojantaj hundoj, inkandeskaj lampoj, koroj, simioj, ridetaj vizaĝoj, horloĝoj,

kies montriloj montras kvin minutoj antaŭ la dekdua, funkcias kiel vortbildoj, kiel universala lingvo, per kiu Haring esprimas sin.
La Ora Bovido simbolas amasan histerion, adoradon, blindigon kaj manipuladon de la homoj. La simbolo de la kruco signifas religion, eklezion, predikantojn kaj kontraŭfundamentalismon. Simboloj kiel Mikemuso, rampantaj beboj aŭ bojantaj hundoj kaj tiel plu estas inspiritaj de la kartunaj herooj el la infanaĝo de Haring kaj de la memoro pri lia patro, kiu estis hobia kartunisto.
Komiksaj, simplaj, ne-ornamitaj bildsimboloj kiel ekzemple Mikemuso estas la pakumo por la mesaĝoj de Haring. Du-dimensiajn bildsimbolojn, kiuj memorigas al egiptaj hieroglifoj, Haring uzas por priskribo de konkretaj objektoj kaj vivaĵoj, sed ankaŭ por verboj kaj emocioj.

Por unu desegnaĵo li bezonis nur malmultajn minutojn. Inter 1980 kaj 1985 tiel estiĝis miloj da bildoj. La plej multajn oni forŝiris. Foje oni arestis Haring. Kelkaj bildoj - komprenitaj nun kiel artaĵoj - videblas nun en muzeo Albertina en Vieno. La figuroj aperas preskaŭ nur kiel du-dimensiaj malplenaj siluetoj, nur Mikemuso havas du, foje eĉ tri okulojn. Tuj oni povas ekscii, pri kio temas.
La bilda lingvo de Haring, kiun li mem kreis, estas unika, sed li ricevis impulsojn de modernaj pentristoj (Jackson Pollack, Pablo Picasso, Salvadore Dalí kaj aliaj), de samtempuloj (Andy Warhol, Jenny Holzer, Jean-Michel Basquiat) kaj de Hieronymus Bosch. Pliaj influoj venas de la antikveco. Ekzemple li uzis la formon de la egipta piramido kaj de la greka amforo.

## Mondfama artisto

Keith Haring naskiĝis 1968 en Reading, Pennsylvania, Usono. En la Novjorka Lernejo por Vida Arto li studis kaj evoluigis sian tipan simbolan arton, kvazaŭ ideograman alfabeton. La unua ekspozicio, kie montriĝis nur verkoj de Haring, okazis 1982 en Tony Shafrazi Gallery. Antaŭe li jam havis spertojn kiel asistanto de Shafrazi kaj kiel kuratoro de aliaj ekspozicioj. Nun Haring estis internacia konata. Sur ekranego en Novjorka Times Square dum unu monato

aperis liaj ikonoj kiel animacioj. Post partopreno je du bienaloj li konatiĝis kun Andy Warhol, por kiu li inventis Andy Muso, do miksaĵo el Warhol kaj Mikemuso. La novjorkaj metrohaltejaj desegnaĵoj aperis inter 1980 ĝis 1985.

Pop Shop

Anstataŭ la metrohaltejaj desegnaĵoj kaj por disponigi al pli granda publiko siajn ideojn Haring malfermis 1986 en Novjorko - Soho sian vendejon „Pop Shop” laŭ sia koncepto. Tie oni povis aĉeti en grandaj eldonkvantoj „arton por ĉiu” - verkojn de Haring kaj de artistoj-amikoj de Haring. Dek naŭ jarojn poste fermiĝis tiu vendejo, ĉar sur la nigra merkato aperis tro da etkostaj imitaĵoj de Haring-verkoj.

Haring definitive diris, ke li tute ne volas klarigi siajn verkojn. Tial li ne donis titolojn kaj malofte subskribis siajn bildojn. Li volis, ke spektanto diskutu pri ili kaj havu sian propran, subjektivan opinion.

Haring desegnis tre rapide, sen antaŭa skizo. En unu tago li povis realigi ĝis tridek desegnaĵojn. Lia amiko-fotisto dokumentis multajn el ili.

1988 Haring eksciis, ke li suferis je aidoso. Tiu malsano estis temo de liaj desegnoj en la jaro 1985. 1989 li partumis je kampanjo por la protektado de tiu tiam plej ofte mortiga malsano. 1990 Haring mortis pro aidoso, antaŭe li ankoraŭ desegnis kelkajn bildojn, kies temo estas la morto.



Julia Gruen de Keith Haring Foundation, Novjorko, parolas en Albertina dum gazetara konferenco la 15an de marto 2018.



Metrohalteja desegnaĵo, ĉirkaŭ 1981 ĝis 1985, Novjorko
www.haring.com/kh_foundation

## Quotes ❁ Citaĵoj

Tradukitaj de Renate Klag

1
"I am interested in making art to be experienced and explored by as many individuals as possible with as many different individual ideas about the given piece with no final meaning attached. The viewer creates the reality, the meaning, the conception of the piece. I am merely a middleman trying to bring together ideas."

1
Min interesas fari arton, kiu povas esti spertata kaj esplorata per kiel eble plej multe da individuoj kun same multe da individue diversaj ideoj pri iu difinita artaĵo sen definitiva signifo aldonita. La rigardanto kreas la realecon, la signifon, la koncepton (la kreivan ideon) de la artaĵo. Mi sole estas peranto klopodante kunvenigi ideojn.

2
"The drawing is 'finished' from the time you start with the first line. There are places you can 'stop' the drawing and call it 'finished' but it is never really 'finished' until time and space itself are 'finished.' There are always infinitely more things you can do to the composition; the trouble is knowing when to stop. The beauty is knowing when to stop. I choose when to stop, but my work is never 'finished' and always 'finished'."

2
Iu desegnaĵo estas finita ekde la unua linio. Ekzistas punktoj, kie la desegnado povas esti haltigita kaj esti deklarita „finita", sed la desegnado neniam estas vere „finita" ĝis la fino de tempo kaj spaco.
Ekzistas ĉiam senlime pli multe da fareblaĵoj, kiuj fareblas en iu komponaĵo; la malfacileco estas scii kiam oni haltu.
La beleco estas scii, kiam oni haltu.
Mi elekte decidas, kiam haltigi la desegnadon, sed mia verko estas neniam „finita" kaj ĉiam „finita".

3
"The drawings which I do have very little in common with drawings in the classical sense as they developed during the Renaissance, and the drawings

that imitate life or make a lifelike impression. My drawings do not try to imitate life, they try to create life, to invent life."

3

La desegnaĵoj, kiujn mi faras, havas tre malmulte komunan kun desegnaĵoj en la klasika senco kiel ili evoluis en la Renesanco, kaj la desegnaĵoj, kiuj imitas vivon aŭ kreas vivsimilan impreson. Miaj desegnaĵoj ne klopodas imiti vivon, ili klopodas krei vivon, inventi vivon.

4

"Drawing with chalk on this soft black paper was like nothing else I had ever drawn on. It was a continuous line, you didn't have to stop and dip it in anything. It was a constant line, it was a really graphically strong line and you had a time limit. You had to do these things as fast as you could. And you couldn't erase. So it was like there were no mistakes. You had to be careful to not get caught."

4

Desegni per kreto sur ĉi tiun molan nigran paperon estis maniero, en kiu mi ne iam ajn desegnis antaŭe. Mi faris senĉesan linion, mi ne devis halti kaj trempi pentrilon en farbon. Temis pri kontinua linio, estis iu vere grafike forta linio kaj mi havis tempolimon. Mi devis fari tion kiel eble plej rapide. Kaj mi ne povis forigi ion. Do estis kiel ne ekzistus eraroj. Mi devis esti atentema, por ne esti kaptita.

5

"Most of my political concerns and social concerns came from my life experiences. Partly being born in the late 1950s and growing up in the 1960s and sort of being around that counter culture but not being able to participate. Definitely being very affected by that and being at an age at the time when I think I was most impressionable, like seeing the Vietnam War when I was ten years old, seeing race riots on television and reading Life magazine."

5

La plimulto de miaj politikaj kaj sociaj zorgoj venis de miaj vivspertoj. Parte de la fakto, ke mi naskiĝis en la malfruaj 1950aj jaroj kaj pasigis mian junaĝon en la 1960aj jaroj, kaj iamaniere de la fakto, ke mi estis en la ĉirkaŭaĵo de kontraŭkulturo, sed ne povis partumi.

Definitive mi estis tre afliktita de tio, kaj tiam mi estis en aĝo, mi pensas, kiam mi estis plej impresebla, ekzemple mi aŭdis pri la Vjetnama Milito, kiam mi estis dekjara, vidis la interrasajn tumultojn en la televido kaj legis pri tio en la magazino „Life“.

6
“I saw beautiful Egyptian drawings today. There is a lot to be learned from Egyptian design concepts and their use of symbols.”
6
Mi vidis belajn egiptajn desegnaĵojn hodiaŭ. Oni povas lerni multe de la egiptaj dezajnaj konceptoj kaj egipta uzo de simboloj.

7
“I am intrigued with the shapes people choose as their symbols to create language. There is within all forms a basic structure, an indication of the entire object with a minimum of lines, that becomes a symbol. This is common to all languages, all people, all times.”
7
Mi estas fascinita pri la formoj, kiujn homoj elektas kiel siaj simboloj por krei lingvon. Estas en ĉiuj formoj iu baza strukturo, iu indiko de la tuta objekto per minimumo da linioj, kio iĝas simbolo. Tio estas komuna ĉe ĉiuj lingvoj, ĉiuj homoj, ĉiuj tempoj.

8
“The public has a right to art. The public needs art, and it is the responsibility of a “self-proclaimed” artist to realize the public needs art, and not to make bourgeois art for the few and ignore the masses. Art is for everybody.”
8
La publiko havas rajton pri arto. La publiko bezonas arton, kaj estas la respondeco de la “memdeklarita” artisto realigi, ke la publiko bezonas arton, kaj ne faru burĝklasan arton por la malplimulto kaj ignoras la plimulton. Arto estas por ĉiu.

9
“Art is nothing if you don't reach every segment of the people.”
9
Arto estas nenio, se la artisto ne atingas ĉiun parton de la socio.

10
“An artist putting as many images into the world as I am should be aware of how they affect the world. Art should be something that liberates the soul, provokes the imagination, and encourages people to go further. It celebrates humanity instead of manipulating it.”
Keith Haring
10
Artistoj, kiuj metas tiel multajn bildojn en la mondon kiel mi, devas esti konscia, kiel ili influas la mondon. Arto estu io, kio liberigas la animon, elvokas la fantazion, kaj kuraĝigas homojn iri antaŭen. Arto solene gloras la homaron anstataŭ manipuli ĝin.

Keith Haring

11
“By association, Keith is part of the whole New York subway system. Just as no one can look at a sunflower without thinking of Van Gogh, so can no one be in the New York subway system without thinking of Keith Haring. And that’s the truth.”

William S. Burroughs

11
Asocie, Keith estas parto de la tuta Novjorka “Subway” (subtera trajna) sistemo. Same kiel oni ne povas rigardi sunfloron sen pensi pri Van Gogh, tiel oni ne povas esti en la Novjorka “Subway” sistemo sen pensi pri Keith Haring. Kaj tio estas la vero.

William S. Burroughs

Prononcoj:
Keith Haring [kis hering]; Gottfried Helnwein [gotfrid helnvajn]; William Burroughs [ŭiljem boro].




Keith Haring kiel Ora Bovido.
Desegnita de Walter Klag, Vieno, 2018

# ALBERTINA



## La palaco kaj la kolekto ĝis 1918

Sur Augustiner-bastiono en la jaro 1744 imperiestrino Maria Theresia (regis 1740 ĝis 1780) konstruigis palacon, kiun oni nomas hodiaŭ „Albertina”, por sia amiko kaj konsilanto Don Emanuel Teles da Silva Conde Tarouca. La arkitekto estis Mauro Ignazio Valmaggini.

Albert von Sachsen-Teschen estis la aŭstria guberniestro en Aŭstria Nederlando. Kune kun sia edzino Marie Christine, filino de Maria Theresia, li rezidis en palaco Laeken [laken] norde de Bruselo. Pro klerigo Albert kaj lia edzino vojaĝis de januaro ĝis julio 1776 kun sia edzino tra Italio. En Venecio la 4an de julio 1776 la aŭstria ambasadoro Giacomo Conte Durazzo transdonis al

la geedzoj mil kuprogravuraĵojn, kio iĝis la bazo de grafikaĵoj, kiu hodiaŭ estas la plej granda en la mondo.

En la jaro 1792 Albert kaj Marie Christine pro revolucio Albert devis fuĝi kun sia kolekto al Vieno. Tie imperiestro Francisko la dua donacis al ili la palacon „Albertina”.

Albert adaptis la palacon por siaj grafikaĵa kolekto kaj biblioteko kaj alkonstruigis reprezentativan alon inter la jaroj 1802 kaj 1804. La 150 metrojn longa fasado apud la imperiestra palaco Hofburg montris imprese la financan povon kaj memkonscion de tiu duko. La interiorajn objektojn de la palaco Laeken li integris en la novajn pompajn salonegojn: Silkaj tegaĵoj el Lyon, artaj marketroj kaj orumitaj kristalaj lustroj. La artaĵoj estis transportitaj per tri ŝipoj de Laeken al Vieno, sed unu el la ŝipoj dronis en Manika Kanalo.

1798 Marie Christine, la plej amata filino de Maria Theresia, mortis en Vieno. Ŝi iĝis nur 56-jara. Marie Christine estis la sola infano de Maria Theresia, kiu rajtis edz(in)iĝi ne pro la habsburga dinastia strategio de la imperiestrino, sed pro ama rilato.

Laŭ ordono de Albert la tiam plej fama skulptisto Antonio Canova konstruis piramidan tomban monumenton por sia edzino. Tiu cenotafo staras en Aŭgustina Preĝejo, ĉe Albertina. Temas pri la unua publika tomba monumento por virino en Vieno.

Siajn lastajn vivjardekojn Albert pasigis en sia palaco sen multaj kontaktoj kun la publiko kaj pliampleksigis sian kolekton. 1816 li decidis, ke la kolekto estu fideikomiso, do nedisigebla kaj nevendebla valoraĵo. Post la morto de Albert en la jaro 1822 liaj heredantoj pligrandigis la kolekton, kiu poste iĝis parto de la Habsburga familia fonduso.

# 1919 ĝis 2003

Post la unua mondmilito (1914 – 1918) Aŭstrio iĝis respubliko kaj multaj nobeloj perdis siajn propraĵojn, kies nova posedanto iĝis la juna respubliko, kiu ne pagis kompenson al la nobeloj. Oni volis neniigi la memoron pri la monarkia pasinteco. La pompaj salonegoj fermiĝis, ili iĝis storejoj por artaĵoj, burooj kaj bibliotekoj. La kultura heredaĵo iom post iom ruiniĝis. Tamen kreskis la kolekto sub Alfred Stix, la direktoro de Albertina de 1923 ĝis 1934. Li kompletigis la kolekton aĉetante francajn kaj germanajn desegnaĵojn. La nomo „Albertina" iĝis oficiala jam en la jaro 1921.

La 12an de marto 1945 Albertina grave damaĝiĝis pro bombardado fare de usonoj aviadiloj. Ĝis 1952 nur supraĵe oni renovigis la palacon, kiu perdis sian historian identecon. En la jaro 1959 ĝi estis malfermita nur 35 horojn en la semajno kaj la nombro de la vizitantoj kaj uzantoj estis ne granda.

# Ampleksa renovigado

De 1962 ĝis 1986 direktoro Walter Koschatzky revivigis la palacon kaj la kolekton. Li okazigis 200 ekspoziciojn, tial Albertina iĝis pli konata.

Albertina alikonstruiĝis kaj renoviĝis en la 1990aj jaroj. La remalfermo okazis ne 2002, sed nur 2003, ĉar dumlabore oni trovis romian tombejon kun 130 tomboj. Reestiĝis la historia fasado kaj la pompaj salonegoj. En diversaj landoj oni sukcesis aĉeti la originalajn historiajn meblojn el la periodo inter 1780 kaj 1822. La ĉefa enirejo rekonstruiĝis sur la nivelo de la 11 metrojn alta bastiono. Nove estiĝis ĉambregoj por ekspozicioj, la areo por tiaj kreskis de 150 m² al 5.000 m². La volumeno de la nova subtera storejo estas 5000 m3. Rimarkindas ŝtuparo por festaj eventoj kaj spegula ĉambro.

Por vizitantoj okulfrapas „Soravia Wing“, konceptita 2003 de la aŭstra skulptisto Hans Hollein (1934 – 2014). Temas pri 53 metrojn longa, mallarĝa tegmento antaŭ la enirejo, kiu aŭdace trastrekas la historian fasadon. Ĝi estis kaj estas ege diskutata, sed necesa, ĉar ĝi protektas kontraŭ pluvo la novajn lifton kaj rulŝtuparon. La lifto necesas por vizitantoj, kiuj bezonas rulseĝon, ĉar la ramplon oriente de Albertina oni anstataŭigis per kruta ŝtuparo. Erwin und Hanno Soravia pagis la kostojn de la tegmento. La familio Soravia okupiĝas pri konstru-projektoj kaj nemoveblaĵoj. Sub la tegmento legeblas la vortoj „Sammlung (kolekto) Batliner”. Tiu kolekto, kiu konsistas el 500 artaĵoj de la franca impresionismo ĝis la nuntempa arto, la kerno de daŭra ekspozicio, estas ekde 2007 propraĵo de Albertina. Rita kaj Herbert Batliner kolektis tiujn pentraĵojn ekde la 1960aj jaroj.



# Albertina hodiaŭ

Profesoro d-ro Klaus Albrecht Schröder estas la direktoro ekde 1999. Li evoluigis la pozicion de Albertina, kiu estas nun ne nur ŝtata scienca institucio kaj ne nur grafikaĵo kolekto, sed ankaŭ kolektas kaj ekspozicias fotojn kaj pentraĵojn. Daŭre Schröder klopodas ekspozicii ne nur objektojn de Albertina mem, sed ankaŭ de aliaj institucioj kaj daŭrajn respektive portempajn pruntaĵojn.

La nombro de la vizitantoj ege kreskis al preskaŭ 800 mil jare. Albertina estas nun unu el la plej multe vizitataj muzeoj en Vieno. La kvar fakoj estas grafikaĵoj, fotoj, pentraĵoj kaj arkitekturaj objektoj. Kreskis ankaŭ la nombro de la kunlaborantoj de 60 en la jaro 1999 al 300 aktuale.

En la jaro 2008 malfermiĝis nova 300 m² granda salonego por studado. Tiel eblas aliri la kolekton, kiu konsistas el pli ol unu miliono da objektoj. En la subtera, kvaretaĝa esplorejo troviĝas biblioteko, renovigejo kaj laborejo.

Pro pluvego en junio 2009 akvo fluis en la subteran storejon. Pro teknika damaĝo oni ne tuj povis reagi. Rapidege oni devis transporti 950 mil objektojn provizore al sekura loko.

Pliajn informojn troveblas en tiu Kultura Raporto:
http://www.kunstkultur.bka.gv.at/DocView.axd?CobId=66667

Renate kaj Walter Klag




Antonio Canova: Cenotafo por Marie Christine, Augustiner Preĝejo
1805
UXORI OPTIMAE
AL LA PLEJ BONA EDZINO

# Der **Weltverband** der esperantosprachigen **Journalisten** stellt sich vor



Treffen von esperantosprachigen Journalisten in Kopenhagen

Der Journalisten-Weltverband **Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio**, kurz TEĴA, wurde 1946 in Schweden gegründet und 2008 in Vilnius neu organisiert. Als juristische Persönlichkeit wurde er 2008 in Litauen registriert.
Die Mitglieder kommen aus 39 Ländern in allen fünf Kontinenten.

Jedes Jahr findet eine Generalversammlung statt, meist im Rahmen des Esperanto-Weltkongresses. Der 103. Esperanto-Weltkongress findet 2018 in Lissabon statt.




TEĴA-Mitglieder zahlen
15 € für 3 Jahre
99 € für Mitgliedschaft auf Lebenszeit

Alle Mitglieder erhalten einen Presseausweis.
**www.tejha.org**

Marto 2016 – Februaro 2017

# Raportoj el Japanio 20

## Katastrofo de Japanio en la sesa jaro

HORI Jasuo




Mendu la libron ĉe la libroservo de UEA

# 95. Deutscher Esperanto-Kongress

# und

# Französischer Esperanto-Kongress

# und

# Luxemburger Esperanto-Kongress




## Dreiländer-Esperanto-Kongress in Zweibrücken
## 18. - 21. Mai 2018

## Thema: Esperanto - global vernetzt

Unser Kongressgebäude ist die Hochschule, Amerikastraße 1,
66482 Zweibrücken/Pfalz.

Einige der Programmpunkte:

Stadtführung im Stadtzentrum, Besuch von Europas Rosengarten, Besuch des romantischen Schlosses "Fasanerie", Begegnung mit Pferden auf "Anjas Ranch", Busfahrt nach Pirmasens und Umgebung, Busfahrt nach Blieskastel, Busfahrt nach Bitsch (Frankreich).
Fachvorträge, Internationaler Abend mit Musik und Tanz, Gottesdienst.

Informationen, Kontakt und Anmeldung:

Internationaler Esperanto-Klub Zweibrücken, Postfach 2019, 66470 Zweibrücken

95aGEK@esperanto-reto.eu

# Esperanto in Wien lernen

ESPERANTO

## EINE STUNDE KOMPAKT

**FÜR STUDENTINNEN UND STUDENTEN**

im Café Schopenhauer, Wien 18., Staudgasse 1.
5 Gehminuten von U6 Währingerstraße.
Die Termine erfahren Sie bei

esperanto@chello.at

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende



## Esperanto-Jugend-Lernrunde Wien

für Junge und Junggebliebene,
für alle Sprachniveaus.
Bei der besten, größten und billigsten Pizza Wiens lernen wir in gemütlicher und unterhaltsamer Runde ganz individuell.

**Pizzeria Mafiosi, Wien 15., Reindorfgasse 15**

Termine und Anmeldung: jel_vieno@yahoo.com

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende



## Freie Esperanto-Lernrunde Wien

Termine: kurt.lhotzky@gmail.com

Literaturbuffet, Wien 2., Rotensterngasse 2.
U2 Taborstraße

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende

> "Esperanto ist eine hervorragend gelungene Form der Optimierung von Sprache für die internationale Kommunikation."
> Univ.-Prof. Dr. Heiner Eichner, Wien

# Esperanto-Kongresse

# für junge Leute

Internacia Junulara Kongreso IJK




Somera Esperanto-Studado SES

Junulara Esperanto-Semajno JES




Klaĉ-Kunveno Post-Somera KKPS

Franca Esperanto-Semajno Terure Organizita FESTO

Bei einigen dieser Kongresse kann man mit Steloj zahlen.
1 Eŭro ≈ 4 Steloj 1 Stelo ≈ 25 €-Cent









# GEDENKJAHR 2018

## 2018 ist Saussure-Jahr. Vor 150 Jahren, am 17. März 1868, wurde René de Saussure in Genf geboren.

Nach dem Studium der Sprachwissenschaft und der Mathematik verfasste er sein wichtigstes Werk "Über die Wortbildung im Esperanto".

1907 publizierte René de Saussure das Projekt einer universellen Währung, die er "Spesmilo“ nannte. Aus dem französischen Wort "espèce" leitete er "speso" ab. Mil bedeutet 1000. 1 Spesmilo (Sm) = 10 Spescentoj (Sc) = 100 Spesdekoj (Sd) = 1000 Spesoj.







Diese Währung wurde offiziell von einigen britischen und Schweizer Banken verwendet.

Der Spesmilo (Sm) hatte den Wert von 0,733 g reinem Gold und konnte wegen der Goldbindung leicht in andere Währungen umgerechnet werden:
1 Sm = 2 Britische Schillinge = 1 Russischer Rubel = 0,5 US-Dollars = 2,5 Schweizer oder Französische Franken = 2,5 Spanische Peseten.

Die Münzen zu 1 und 2 Sm waren und sind bis heute begehrte Sammelobjekte und verschwanden daher schnell aus der Zirkulation. Seit 1919 hat der Spesmilo nur mehr numismatischen Wert.

1942 wurde in den Niederlanden die Universala Ligo gegründet. Diese Organisation trat für die internationale Verständigung und eine universelle Währung ein. Der Name dieser Währung ist Stelo (Esperanto: Stern; Mehrzahl Steloj). 1959 wurden Münzen zu 1, 5 und 10 Steloj geprägt, 1965 folgten drei Varianten einer 25-Steloj-Münze. Auch Papiergeld wurde herausgegeben. Die Steloj eigneten sich sehr gut vor allem für die Überweisung von kleineren Beträgen im internationalen Zahlungsverkehr. Auch diese Münzen und Geldscheine wurden eifrig gesammelt und sind heute sehr gesucht.




Zur 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018 wurde eine silberne Medaille in Form einer Münze mit einer Nominale von 100 Steloj herausgegeben. Sie besteht aus 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 g), der Durchmesser beträgt 37 mm. Hersteller ist die Münze Österreich, eine Tochter der Österreichischen Nationalbank. Die künstlerische Feinarbeit stammt von Mag. Helmut Andexlinger, der Chefgraveur der Münze Österreich ist. Andexlinger leitet seit 2016 die Graveurabteilung der Münze Österreich. Er hat die Fachschule für Metalldesign in Steyr absolviert, danach studierte er Kommunikationswissenschaften an der Universität Wien. Zu seinen größten Erfolgen zählt das Design für die 2-Euro-Münze 2012, die in 17 Ländern in Umlauf ist; er gewann dafür einen Wettbewerb mit 800 Einreichungen.




Prezo 49 € plus sendokostoj.
Mendoj: esperanto@chello.at

Esperanto ist im Aufschwung. In den letzten drei Jahren meldeten sich über 1,5 Millionen bei den kostenfreien Esperantokursen von lernu und duolingo an. Parallel dazu steigen auch die Teilnehmerzahlen bei Esperanto-Jugendkongressen.

Abbildungen von Stelo-Münzen findet man bei Wikimedia Commons unter https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Walter Klag

# Die junge Sprache für junge Menschen
## Esperanto hat Erfolg

► **Die internationale Kultursprache Esperanto ist wesentlich leichter als Englisch erlernbar.**

► **Esperanto** eignet sich sehr gut für die **internationale Kommunikation.**

► Esperanto ist **Kommunikation und Kulturtransfer auf gleicher Augenhöhe** für Menschen mit verschiedenen Muttersprachen.
Mit Esperanto ist heute ein internationaler Wissenschafts- und Kulturaustausch möglich, ohne dass ein Volk deshalb diskriminiert ist, weil seine Sprache nicht als international bedeutsam angesehen wird.

► Mit Esperanto kann man die unterschiedlichen Aspekte des menschlichen Denkens und Fühlens ausdrücken.

► Esperanto bedeutet Selbstorganisation von Bürgerinnen und Bürgern und kommt ohne öffentliche Subventionen aus.

► Esperanto ist eine lebende Sprache, die sich wie andere Sprachen entwickelt.

**1,5 Millionen**

lernen Esperanto mit dem Gratiskursen von *duolingo.*

**260 000**

lernen Esperanto kostenfrei mit www.**lernu**.net

Noch nie haben so viele Menschen Esperanto gelernt wie in den letzten drei Jahren.

**Wikipedia in Esperanto**

**240 000** Artikel eo.wikipedia.org

Das Geld der Esperanto-Gemeinschaft:

commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730  💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen,**
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**

Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono